FENIKSO



INFORMILO POR

AMIKA RONDO DE ESPERANTAĴ-KOLEKTANTOJ




Redaktas:R.Jensen,Sdr.Ringg.77,DK-8000.Århus C

Nr. 14 1. 3. 1971. Tria jaro nr. 2

## MARKOJ DE LA 1. HELENA KONGRESO

Rilate nr. 202 en la katalogo pri glumarkoj mi ekhavas kelkan dubon. Ke ĝi devenas de Grekujo estas certa, sed ĉar oni ja ne povas legi la tekston sur ĝi, parte pro malbona presado, parte pro la fremdeco de la grekaj lingvo kaj literoj, kaj fine pro tio, ke ŝajne ne ekzistas iu tempoindiko sur ĝi, oni fakte ricevas tiun impreson, ke ne temas pri porokaza glumarko, sed nur pri ordinara propagando-marko.

Ĝi ja bone povas esti eldonita samtempe kun la vera kongresmarko, kiel ordinara propagando sen fari direktan reklamon por la kongreso, kaj se tio estas la fakto, ĝi ne devus esti nomita en katalogo por porokazaj markoj.

Sed kiam mi skribis la katalogon, mi ne havis scion pri alia greka glumarko ol tiu, kaj tial mi identigis ĝin kun la marko nomita sub nr. 153 en Takács katalogo: Ateno. Unua helena Esperanto kongreso.

Mi pruntis la markon de Franz Mayer; kaj




sur la bildo vi povas vidi, ke ĝi havas stelon en ĉiu angulo kaj 3 stelojn en la mezo super la templo-ruino. En la antaŭaĵo estas 4 "pordegoj", ĉiuj kun diversa enskribo. Estus tre dezirinda, se ni scius la signifon de tiuj tekstoj; kaj se inter niaj membroj estas iu, kiu malgraŭ la malbona preso povas legi kaj traduki tiun tekston por mi, mi estus vere danka.



La marko, kiu pli certa estas identa kun Takács nr. 153, mi jarojn poste vidis ĉe s-ino Olga Hertz, Lyngby (ĉe Kopenhago). Mi ankaŭ pruntis ĝin por fari similan bildon de ĝi.

Ĝi montras diinon starantan ĉe tekst-tabulo kies teksto temas pri la kongreso.

En mia katalogo mi donis al ĝi numeron A203 sed eble estus pli ĝuste, ke ĝi havus nr. 202, kaj la nedatita marko sub tiu numero estus forstrekita. Espereble ĉi tiu priparolo pri la demando povos alporti la solvon.

Estas ja bedaŭrinda, ke oni devas dubi pri la identeco de markoj de lando, kiu nur unufoje eldonis glumarkon por Esperanto-okazaĵo.

Reinhold Jensen

-oOOo-

## STAMPOJ

Kurioza prezento de franca E.varbstampo

Inter miaj personaj arĥivaĵoj (ne miaj Esperanto-filatelaĵoj) mi trovis koverton, kiun sia-tempe mi rekte ricevis el mia naskiĝurbo Perpignan. Tiutempe mi estis for de Eŭropo.

Nur antaŭ nelonge mi rimarkis la kuriozan prezenton de la franca varbstampo nr. 25, uzita la 7-an de aprilo 1963 je la 17 H 30.

Teksto: 55eme CONGRES ESPERANTO 1-2-3 juin 1963.

La 2 moveblaj eroj de la stampilo estis muntitaj "kapopiede" - la ronda datstampo estas renversa. - Kurioza, ĉu ne?

Ne ŝajnas al mi utila aparte listigi tiun eraron, sed eble la informo interesos niajn samklubanojn.

Amouroux

## La itala stampo de 1958 ekzistas ankaŭ violkolora

Mia regula itala korespondanto, kiu ne estas Esperantisto, antaŭ nelonge sendis al mi la italan poŝtstampon de 1958 je violkolora inko.
La stampaĵo estas iom makulita, kaj pro la makuloj mia unua reakcio estis, ke la kvalito de tiu violeta inko estis tro fluida kaj ne taŭga por metala stampilo.
Mi do deduktis - sed eble iom tro rapide - ke la violkoloran inkon uzis privatulo.
Mi tion skribis al mia korespondanto, sed li asertis, ke la violkoloran inkon oficiale uzas la poŝto. Li diras, ke tre ofte en Palermo kaj ankaŭ en aliaj italaj urboj (li ne diris kiujn) estas uzataj diverskoloraj inkkusenoj.
Ĉu nia sicilia ano povus konfirmi la informon, antaŭ ol ni decidu envicigi la violetan stampon en niajn kolektojn?

Amouroux

## Nova stampo.

La 63-a franca Esperanto-kongreso okazos en LYON dum pasko. Ilustrita varbstampo (ms) funkcias por anonci la okazontan kongreson.
Plie la 11-an de aprilo, nedaŭra poŝtkontoro en la kongresejo uzos ilustritan memorigan stampilon.

Amouroux

## TUTAĴOJ

La hungara serio de bildkartoj kun klariga teksto en 3 lingvoj: hungara, franca kaj esperanta eldonita en 1935 konsistas el 15 kartoj

... diversaj bildoj. La litero de la serio es-
... D, kaj la referenco por ĉiu karto situas
...er D 1 kaj D 15.
Nu, mi posedas unu karton de la koncerna
serio kun referenco D 16.
Tiu enpresita referenco jam estis uzata de
la poŝto por speciala bildkarto kun plipago je
... fileroj favore al la turismo de l'Balaton
Lago.
Do, ŝajnas ke la poŝta administracio du foje
presis la saman referencon sur du kartoj, kiuj
estas tute malsamaj. Mia karto aspektas kiel
la karto kun referenco D 1, sama bildo, sed ta-
men sentebla estas kolornuanco kaj tre nete ŝaj
nas al mi, ke la desegno de la karto D 1 est-
as retuŝita. La detaloj de la desegno estas
nun multe pli netaj.
Kion opinii pri mia karto D 16?
Ĉu provaĵo? Ĉu reeldono?

Amouroux

-oOOo-

## La STAMPKATALOGO

La obstina laboro de Rudolf Burmeister por eldono de nova stampkatalogo nun estas parte finita - sed ja bedaŭrinde en nur tre modesta formo.

Lia ideo ĉiam estis fari kompletan, ilustritan katalogon, presita per bildoj de ĉiuj stampoj; sed montris sin, ke la kostoj je faro de tia grandioza verko estis tro grandaj.

Li tial decidis, ke li volis fari la katalogon en du apartaj volumetoj:

1) la tekstparto duplikita sen bildoj. Kaj
2) la bildparto (se estas ebla) kiel fotokopiitaj paĝoj - sen plia teksto ol la numeroj.

La unua parto jam estas vendpreta !

Li petis "AREK" dupliki la manuskripton, kaj tio nun estas farita. Temas pri 16 paĝoj (A 4) en simpla kartona kajereto.

La vendprezo estas sufiĉe alta pro la malgranda nombro de kolektantoj, kiuj deziras aĉeti tian katalogon. Se ni anstataŭ 30 estus 300 aŭ 3000 estus tute alia afero skribis Burmeister. La prezo estas unu US dolaro aŭ 8 int. respondkuponoj inkluzive alsendo.

Por ŝpari sendkostojn la tuta stoko de la kajeroj restas ĉe la tajpisto por vendado - almenaŭ ĝis la elspezoj por materialo estos regajnotaj.

Do vi povas jam nun sendi la mendon kaj la pagon por la katalogo al mi. (adreso sube).

Mi bone scias, ke ĉiuj niaj membroj jam de longe posedis stampkatalogon de aliaj fruaj eldonoj, sed tamen mi kredas, ke multaj dezirus havi kompletan liston kun ĉiuj novaj stampoj notitaj laŭlande en kronologia ordo ĝis fino de jaro 1970.

La filatelistoj ja ankaŭ devas ĉiujare aĉeti novan katalogon, sed ĉi tie ne nur pro la noveldonitaj poŝtmarkoj sed plie pro la novaj prezoj. En nia katalogo ne estas nomitaj iuj prezoj, nur la simpla konstato de ekzisto de la stampoj.

-

2) La bildparto estas tute alia afero. Pri tiu utopia revo ni ankoraŭ ne povas diri ion certan. Mi deziras atendi ĝis la aŭtoro vere estos preta kun la laboro kaj havas praktikeblan planon.

S-ro R. burmeister ja plurfoje diris, ke la desegnaĵoj estis pretaj por presado (fotado), sed tamen li skribis lastfoje, ke li ankoraŭ devis elspezi centon da dolaroj por negativoj.

Terure ! La nunaj planoj estas, ke s-ro Werner Heimlich devas labori por efektivigo de la bildparto. Li kolektas antaŭmendojn kaj pagojn, kaj la prezo estas kalkulita al 7 US do-

laroj + 4 rkp por rekomendita alsendo.
Antaŭmendoj estas necesaj, ĉar unuopa faro de kopioj estus multe pli kara, kaj oni ja ne povas diveni kiom da ekzempleroj estos vendeblaj. Miaj personaj pensoj pri tio estas (mi petas pardonon pro la malbona reklamo), ke neniu deziras aĉeti je tia prezo.
Eble oni povus pli malmultekoste fari tielnomatajn "leter-kopiojn" de la fotoj en Stockholmo pere de AREK. Almenaŭ tion oni devos esplori antaŭ ol aprobi la nunan multekostan planon.
Sed tio ja signifas denove prokraston de la afero. Espereble ni povos en la venonta numero de Fenikso diri pli ekzaktan solvon.

Reinhold Jensen,
Evt.: Sdr.Ringgade 77,
Girokonto: DK-8000. Århus C.
København, 977 28 Danlando.

---

Bedaŭrinda sciigo !

S-ro Ljubumir Leviĉarov, Sofia, Bulgario ne plu deziras esti membro de AREK. La eks-membro ne skribis pri la kaŭzo de tio, sed ĉar ni scias, ke li ofte estas malsana, ni opinias ke lia sanstato estas la kaŭzo - kaj ne malkontento pri nia agado.

-

Se ni nun nur havis alian reprezentanton en tiu fora, balkana lando. -

-

Karaj AREKANOJ memoru nian kampanjon por varbi novajn membrojn ! □

&&&&
WWWW

## ANONCOJ

Mi interŝanĝas Glumarkojn, Poŝtstampojn kaj Poŝtmarkojn Esperantajn kontraŭ Poŝtstampoj kaj Unuatagaj kovertoj pri la temoj:

AUTOMOBILOJ, SEKURECO SUR VOJOJ, MUZIKO, KRISTNASKO kaj FERVOJOJ. Skribu al

Evaristo Gil, Apartado 875, Barcelona, España

---

Stanislaw Biesiada, P.O. Box 44, Czestochowa 1, Pollando, urĝe bezonas por Esperanto-kolekto stampojn de Aŭstrio nro. 5 vi, 8 ve, 13-2 kaj 15-2. Rekompence aliajn stampojn.

---

AFIŜO POR LA VENONTA FOIRO DE BARCELONO

Grandaj afiŝoj por tiu evento estos sendotaj senpage. Mendu ĉe:

Evaristo Gil, Apartado 875, Barcelona, España

---

NI OKAZIGOS ESPERANTO - TENDUMADON

apud nia urbo de la 6-a ĝis la 15-a de aŭgusto Se iuj AREKANOJ volus partopreni je tre malaltaj kostoj ili tuj informu min. Lokoj estas nur malmultaj. Maksimume 50 lokoj estas je dispono.

Rudolf Burmeister,9033. Karl Marx Stadt. DDR. W. Wollf Str. 1.

---

AREKANOJ rajtas unu foje ĉiun jaron enpresi senpagan anoncon en nia informilo. Se vi havas artikoleton, demandon aŭ sciigon al ni, bonvolu nur skribi al la redakcio. □